„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

11ª jaro. N-ro 12 — Monata — Decembro 1934

Redaktejo kaj Administrejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Konto bei der Postsparkasse D-123.826

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 3.90, germanlandanoj RM 2.75 alilandanoj sv. fr. 3.50; ponumere: por enlandanoj 35 aŭ. g., eksterl. 45 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

Das **griechische Ministerium für Kultus und öffentlichen Unterricht** hat mit Zahl 31008 vom 31. Mai 1934 die Schulinspektoren und Direktoren aufgefordert, daß sie den Schülern das Erlernen des Esperanto empfehlen und ihnen das hohe Ziel und die erreichten Erfolge des Esperanto vor Augen führen.

**Esperanto als offizielle Kongreßsprache:** Beim „Kongreß der jungen Buddhaanhänger des Pacifik“, der im Juli d. J. in Tokio, Osaka und Kioto stattfand, wurde nebst der japanischen, chinesischen und englischen Sprache auch Esperanto als Kongreßsprache angenommen.

**Esperanto im Britischen Bankier Almanach.** Im offiziellen „Bankers' Almanac & Year Book“ befindet sich eine Tabelle mit kaufmännischen Ausdrücken in 11 Sprachen. An zweiter Stelle nach der englischen Sprache ist die Esperanto-Spalte gedruckt. Die Tabelle beginnt auf der 2330. Seite des Buches, das von allen Banken benützt wird.

**Sägenwörterbuch in 5 Sprachen.** In der „Kleinen Fachbücherei Der Holzmarkt“— Wien als Band 19/20 erschien von Hans Joachim Plehn, Wieselburg, verfasst, ein Sägenwörterbuch in Deutsch-Englisch-Französisch-Italienisch-Esperanto mit deutschen Begriffsbestimmungen. Das Wörterbuch ist nach dem internationalen Dezimal-System angeordnet.

**Ein Abgängiger durch Esperanto aufgefunden.** Ein Bewohner Hannovers suchte seinen Freund, der vor 30 Jahren verschwunden war. Der Esperantist H. Fröhlich bat nun den polnischen Esperantisten Lehrer Gluchowski in Warschau, nach dem Verschwundenen zu suchen. Nach 2 Monaten erhielt H. Fröhlich alle Einzelheiten über den inzwischen Verstorbenen und dessen Familie.

**Esperanto im Rundfunk 1933.** Laut einer Statistik fanden insgesamt 1774 Radiosendungen in Esperanto statt, darunter 409 Esperanto-Kurse. Diese Radiosendungen erfolgten von 83 Sendern in 14 Ländern. Die Statistik ist nicht vollständig.

**Esperanto-Tonfilm.** Während des 26. Esperanto-Weltkongresses in Stockholm im August d. J. wurde der Tonfilm „Morgen beginnt das Leben“--„Morgaŭ ni komencos la vivon“ mit unterlegtem Esperantotexte zur Uraufführung gebracht und hatte großen Erfolg. Der Film war in deutscher Sprache gedreht worden und man fügte anstatt den deutschen Text den Esperantotext hinzu.

In **Arnhem**, Niederlande, wurde eine Allee „Zamenhof-Allee“ und in Valencia, Spanien, eine Straße „Zamenhof-Straße“ benannt.

**„Der Weckruf des Katholischen Schulvereines“**, Wien I. Stephansplatz 6, bringt aus der Feder seines Generaldirektors Doktor Brunauer eine sehr günstige Besprechung des Buches „Freude durch Esperanto“.

**Lichtbildervortrag, 10. Januar 1935.**

„Venedig—Florenz—Rom—Neapel—Siracus—Tripolis—Palermo—Genua—Mailand—Verona—Tarvis“ als Vorbereitung für den **27. Esperanto-Weltkongreß 1935 in Rom.**

An dem Kongresse können auch Nichtesperantisten teilnehmen!

Vortragssaal: Restaurant Tischler, Wien I. Schauflergasse 6.

**Eintritt frei.** Gäste willkommen!

**Beginn 20 h! Bitte früher zu kommen,** um den Vortrag nicht zu stören!

**Radiovorträge.**

2. Januar: **Maria Leifuhs „Fasching 1935** in Wien“.

9. Januar: **Reg.-Rat Steiner „Klagenfurt,** Vorkongreßstadt für Rom“.

16. Januar: **Rechn.-Rat R. M. Frey „Faschingsbräuche im alten Wien“.**

**Esperanto-Kurs beginnt am 14. Januar. Anmeldung im Esperanto-Museum!**

## 15. de decembro 1934.

La 75. fojon revenos la tago, kiam al la mondo estis donacata L. L. Zamenhof, nia majstro.

En la tuta mondo oni festas ĉi tiun tagon per aĉeto de libroj. Do ĉiu ankaŭ ĉe ni aĉetu almenaŭ unu libron.




El Aŭstrio estos ara ĝataj du karavanoj trans Innsbruck kaj Klagenfurt.

Anoncu vin por: 1. la aŭstria aranĝo, 2. por la 27. Univ. Kongreso en Roma-Napoli, 3. al la koncerna karavano itala limo ĝis Napoli kaj reen ĝis la aŭstria limpunkto, 4. al la krozado ĝis Tripoli-Genua.

Ĉiujn tiujn aliĝojn sendu al Int. Esperanto-Muzeo, kiu peros por vi ĉion, transprenos vian monon kaj sendos ĝin al Italujo ktp.

**Anoncis sin ĝis nun al 1.—4.:**

1. k. 2. Direktero Schamanek kaj edzino,
3. k. 4. Reg. kons. Steiner kun edzino,
5. Sekcia ĉefo d-ro F. Uebelhör,
6. f-ino Helene Drewenschegg,
7. s-ino Pötzl, Lang Enzersdorf.

Aro da neesperantistoj jam interesiĝis por la karavano kaj en januaro komencos E-kurso por ili.

Despli frue vi aliĝos aŭ viaj konatoj neesperantistaj, despli bonajn ĉambrojn kaj lokojn sur la speciala ŝipo vi ricevos; krome vi ŝparos per aliĝo ĝis fino de januaro.

| **Kongreskotizo** | normala | familiano | jun. |
|---|---|---|---|
| ĝis fino de jan. L | 70 | 42 | 28 |
| „ „ „ apr. „ | 80 | 48 | 32 |
| „ „ „ junio „ | 90 | 54 | 36 |
| post „ „ „ „ | 100 | 60 | 40 |

**Vojaĝo tra Italujo:** Kostoj Liroj 498.—. En tiu kotizo estas enkalkulataj: Veturado per trajno de Tarvisio aŭ Brennero ĝis Napoli trans Firenze-Roma kaj returnen eĉ unuope al aŭstria limloko kun laŭplaĉaj restadoj, noktiĝejoj de 3. VIII. ĝis inkl. la 9. VIII., veturado al kaj de la hoteloj al la stacioj.

**3. aŭg.** tagmanĝo en la trajno, vizitado de Firenze, oficiala akcepto; salutvespero, tagmanĝo kaj vespermanĝo (tm., vm.).

**4. aŭg.** matenmanĝo (mm.), Diservoj, tm. en la trajno, alveno kaj vizitado de Roma per aŭtoj, vm.

**5. aŭg.** mm., veturado en Vatikanan Urbon, vizitado, reveturado; solena malfermo de la 27.; oficialaj akceptoj; amuzvespero.

**6. aŭg.** mm., veturado al Romana Forumo, vizitado; fotografado. Literatura vespero.

**7. aŭg** mm., kunsidoj, vizitoj de muzeoj ktp. Internacia balo kun konkurso de kostumoj.

**8. aŭg.** mm., veturo al Napoli, tm. en la trajno, vizitado de Napoli per aŭtoj.

**9. aŭg.** mm., granda tuttaga ekskurso Napoli—Pompei—Capri kun vizito de Pompei kaj Capri: tm. kaj vm. sur la ŝipo; nokta festo ĉemara.

**10. aŭg.** mm. Fermkunsido.

**Laŭplaĉa reveturo al aŭstria limo.**

**Neenkalkulataj** en la prezo estas: 5., 6. kaj 7. aŭg. tm., vm.; 8. aŭg. vm., 10. aŭg. tm.

**Antaŭkongresaranĝoj:**

**31. julio** matene kunveno en **Innsbruck**, vizito de la urbo (imperiestra kastelo, imp. preĝejo kun la tombo de imperiestro Maximilian, arĝenta kapeleto; giganta rondbildo pri la batalo ĉe monto Isel en 1809). Komuna tagmanĝo. Veturado per kabloŝvebfervojo al sur Hafelekar (2300 m) aŭ Patscherkofel (2000 m), neimagebla panoramo. Komuna vespermanĝo ĉe familia vespero laŭ Tirola maniero. Oficiala salutado. **1. aŭg.** mm kaj vizitado de la urbo Innsbruck. Komuna forveturado 11 h 25 al Brennero.

La **prezo** por ĉi tiuj aranĝoj kun noktiĝo estos ne alta, diskonigota en la venonta numero.

De **Brennero** komenciĝos la veturado sur la italaj fervojoj; al Bolzano (iam Bozen), duhora haltado kaj saluto flanke de la esp.-istoj; daŭrigo al Verona; vm. en la trajno; alveno 19 h 30, enhoteliĝo; 20 h 15 eniro en

## Montara paco kristnaska en Tirol.

De Franz Baldauf (el germana lingvo esp.-igis L. Siedl).

Preskaŭ ne unu festo dumjare estas tiel kvazaŭ girlandornamita per sennombraj popolritoj kaj laŭmoraj agoj, amindaj kaj ŝatindaj pro sia centjara tradicio, — kiel la festo de Kristnasko. Speciale en la aŭstria lando Tirol oni povus verki kristnaskan festkalendaron, kiu respegulus la seriajn ĝoj-ekflamojn antaŭ kaj post la festo. Vere la plej bela festo-tempo de l' jaro precipe por la infanoj.

Forta malvarmego devas ekknarigi kaj grincigi la neĝon sub la pormontaraj ŝuoj najlumitaj; kaj alten devas amasiĝi la blankaj neĝbariloj, tiam estas solene sentata la kristnaska beno. Profunde malalten kliniĝas la dratoj de la elektraj instalaĵoj; la pinoj kaj piceoj apenaŭ povas porti la pezan ŝarĝon; klara kaj hela estas la aero, kaj la vilaĝdometoj laŭŝajne sin premas intime unu al la alia, kvazaŭ sentantaj la dolĉecon de kor' al kora premado.

Tra la silento en la stelluma nokto sonoras la sonoriloj. Bim-Bam sonas, zumas su-

Arenon por la grandioza operprezentado, kiu finiĝos meznokte. **2. aŭg.** mm., forveturo al tuttaga ekskurso al Lago de Garda, trajne kaj ŝipe; tm. surŝipe, tranokto en Verona. 3 aŭg. mm., forveturo al Bologna—Firenze laŭ la ĝenerala programo.

Kiu deziras partopreni la aranĝon en Verona pagos por la menciitaj aferoj **Lirojn** 100.—. Sed oni ankaŭ povos de Innsbruck laŭplaĉe veturi al Firenze kaj de tie partopreni en la granda veturado (la veturado de Brenne o al Firenze estas enkalkulata en L. 498.—).

De **Wien** la karavano forveturos komune trans Semmering **al Klagenfurt. 1. aŭg.** vizito de la urbo, komuna tagmanĝo, veturado sur la lago, vespere komuna familia kunveno laŭ Karintia maniero kun oficiala salutado, vm. Noktiĝo. **2. aŭg.** frumatene forveturo al Venezia, restado tie ĝis la **3. aŭg. matene.** La **prezo** por la aŭstria aranĝo ĝis Firenze estos ne **multekosta** kaj anoncata al la interesitoj.

### Krozado Napoli—Tripoli-Genua.

Prezo laŭ la lokoj en kajutoj de L. 355—715 po persono; la manĝoj estas tute samaj por ĉiuj. Forveturo de **Napoli** sur speciala ŝipo la **10. aŭg.; 11. aŭg.** Diservo, prelego en Somera Universitato; alveno **Siracus,** vizito; forveturo al Malta; **12. aŭg.** alveno en **Malta,** vizito de **La Valette,** forveturo al Tripoli; prelego S. U.; festo sur la ŝipo; **13. aŭg.** alveno en **Tripoli,** vizito de la araba urbo, ekskurso al la oazo de Tripoli; **14. aŭg.** forveturo, prelego S. U.; amuzo kun danco sur la ŝipo; **15. aŭg.** alveno en Palermo, vizito, forveturo; **16. aŭg.** prelego S. U.; amuzo kaj danco sur la ŝipo; alveno en **Elba:** halto en la golfo de Portoferrajo; forveturo. **17. aŭg.** alveno en **Genova,** elŝipiĝo; fermo de Somera Universitato. Fino de la krozado kaj laŭplaĉa reveturo kun halto en la dezirataj urboj ĝis iu aŭstria limo.

**La aŭstria karavano,** kiu partoprenos en la krozado, komune reveturos (laŭplaĉe unuope) post vizito de Nice-Cannes, Milano, Verona, Mantua al Tarvisio. **La restado** ĉiepere de la esperantistoj estos malmultekosta. Detaloj sekvos.

**Speciala avantaĝo** de sinanonco ĝis fino de januaro: Rabato de 30 Liroj en la kongreskotizo; 28 L. por la veturado tra Italujo; ebleco de gajno ĉe librolotumado kaj en la Tripolitana loterio **(eble 1 miliono)**; bona loko sur la ŝipo kaj en la hoteloj!

**Anoncu vin tuj al Internacia Esp.-Muzeo** kaj petu de ĝi informojn kontraŭ respondafranko!

**Instigu ankaŭ neesperantistojn!**

---

### Rollet de l'Isle.

La prezidanto de nia Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio s-ano Rollet de l'Isle fariĝis 75-jara.

Membro de Lingva Komitato jam en 1909, li fariĝis direktoro de Sekcio de Teknikaj Vortaroj, poste Akademiano kaj preskaŭ samtempe prezidanto de la Akademio (1933).

En la iama Centra E-Komitato, fondita laŭ la Kontrakto de Helsinki, li estis unu el la plej agemaj membroj, poste en Int. Centra Komitato kaj nun en la Komitato de UEA.

Ni gratulas al nia meritplena pioniro kaj atendas ankoraŭ multjaran, fruktedonan kunlaboradon. IEMW, AEA, AE

*

### La poŝto aŭstria kaj Esperanto.

Prezidanto de AEA s-ano Steiner estis afable akceptata de la ĝeneraldirektoro de la Aŭstria Poŝt- kaj Telegraf-Administracio laŭ instigo de la ministro por komerco kaj trafiko s-ro Stockinger, la ĉiama favoranto de Esperanto, kaj priparolis kun la ĝen. dir. diversajn gravajn aferojn koncerne Esperanton. Pri la detaloj vi kun plezuro aŭdos pli poste ĝis kiam ili estos aktualaj.

Nun la ĝen. direkcio unue donis ordonon al ĉiuj poŝtdirekcioj en Aŭstrio pri E-kursoj. Ĉiu unuopa direkcio nun donis oficiale informon al la subuloj kaj ni citas tiun de la plej granda, nome de Wien mem, ekstrakte:

P. D. Z. 159.365/1934.

Okazigo de Esp.-kursoj por salajruloj de poŝto kaj telegrafo:

Laŭ reskripto de la Ministerio por Komerco kaj trafiko, Ĝeneraldirekcio por la Poŝt- kaj Telegraf-Administracio, de 14. de nov. 1934, Nr. 36.323/34 Aŭstria E-Asocio deklaris sin preta okazigi E-kursojn por

---

per kampoj kaj herbejoj, enpenetras la ĉambrojn de vilaĝ-dometoj, surrampas ĝis la suproj de la deklivoj, malsupreniĝas en la valojn. Jen, de senarbaraj lokoj sur deklivaj kampoj ekflamiĝas lanternoj aŭ torĉoj — migras, vagas homoj val-direkten al preĝejo, kie jam el la ogivaj fenestroj elradias luma helo: Anĝel-Dimanĉo estas, kiel diras la kamparanoj, la unua „rorate"-meso; la orgeno bruegas, ĝojoplena tonaro trafluas la ejon, kaj la klaraj voĉoj de la infanoj kantas: „Rosu ĉieloj la Justulon, nuboj teren pluvu Lin . . . !"

La Advento komencis, enkondukas la Kristnasko-feston. En pasintaj tempj oni jam komencis la faston je la tago de la Sankta Martino. Sed antaŭe okazis karnavalaĵoj nomataj „forbalao" (germane „Kehraus") aŭ negliĝema lundo kaj mardo (germane „Schlampermontag, -dienstag"), tagoj plenaj de ĝojo kaj petola gajeco.

La tago, kiam oni bakas specialajn kukojn, estas kvazaŭ samtiel grava kiel la tago de la anĝela meso; ĝi signifas la komencon de la vintro. Mastrino kaj servistinoj havas streĉan laboron: instalado de la bakforno

poŝt- kaj telegrafsalajruloj, inter kiuj ankaŭ tiajn en Wien. Ili komencos en januaro kaj oni anoncu sin senpere ĉe la prez. reg. kons. Hugo Steiner, Wien I. Neue Burg (Telefono R 27-803).

Ĉar la lernado de Esperanto flanke de poŝt- kaj telegrafsalajruloj estas rilate al ties granda disvastiĝo — dum 1936 okaziĝos ankaŭ Esperanto-Mondkongreso en Wien — en la speciala intereso de la deĵoro, la salajruloj estas invite atentigataj, partopreni plej multnombre en tiuj kursoj

Instruĉambroj estos disponigataj.

---

**Nova Esperanto-memorŝtono.**

En Neu-Oderberg (Novy Bohumin), ĈSR, oni inaŭguris Esperanto - memorŝtonon: Granda ŝtonbloko kun la stelo kaj la surskribo „Per Esperanto al interfratiĝo de popoloj".

Ni gratulas al Regiona Ligo Esperantista en Ĉ. Teŝin kaj la s-anoj en Oderberg.

**Radio-stacio** CT IGO (Parede-Linha de Cascais-Portugalujo) ondlongo 24,2 dissendos de nun ĉiun duan kaj kvaran sabaton je 0.30 meztempo de Greenwich en Esperanto. Skribu multnombre al Portugala Radio-Klubo Parede, Linha de Cascais, Portugalujo.

**Nepre aŭskultu!**

La 2. de januaro 1935 je la 22 h 15 Radiojournal Brno kun ĉiuj ĉeĥoslovakaj sendiloj disaŭdigos en Esperanto operedon de fama komponisto Weinberger „Sur rozoj sternite". Aŭskultu kaj nepre skribu vian laŭdon al la stacio Brno.

## Por la junularo

### Kunuloj.

El Guy de Maupassant.

(Pasia ĉasisto rakontas, kiel li iam iris kun sia kuzo, same pasia ĉasisto, en malvarmega vintra nokto al granda, marĉita lago, por ke ili venu al la bordo je tagiĝo, por ĉasi akvobirdojn, kiam ili ekflugas el siaj noktaj kaŝejoj. Dum la unua matena krepusko eksonas pafo post pafo kaj iliaj hundoj alportas diligente multajn trafitajn akvobirdojn el la fragmitaro.)

„. . . Kaj nun tagiĝis, hela tago komenciĝis. La suno leviĝis ĉe la alia fino de la aleo. En la sama momento, kiam ni jam volis foriri, flugis malrapide du birdoj super niaj kapoj kun rekte streĉitaj kapoj kaj large entenditaj flugiloj. Mi pafis. Unu el ili falis preskaŭ antaŭ miajn piedojn. Estis anaso kun arĝenta plumaro sur la ventro. — Tuj poste eksonis en la aero super mi voĉo, birdvoĉo. Mallonga, ripetita korŝiranta krio. Kaj la malgranda besto, kiu ankoraŭ estis evitinta sian sorton, komencis cirkle flugi supre en la blua ĉielo super ni, serĉante la mortintan kunulinon, kiun mi tenis en la mano.

Karl genufleksis kaj prenis la pafilon al la vango, li celis kaj atendis, ĝis la birdo venus sufiĉe proksimen.

‚Vi trafis la inon', diris li, ‚kaj la virbirdo nun ne forlasos tiun ĉi lokon!'

Kaj vere! Li restis. Li flugis cirkle ĉirkaŭ ni kaj plendkriis de supre. Kaj neniam tormentkrio tiel deŝiris mian koron, kiel tiu ĉi malespera voko de la bedaŭrinda besto tie supre en la aero.

De tempo al tempo li ree forflugis de la minacanta pafiltubo, kiu sekvis lian flugon. Li ŝajne intencis sola forflugi malproksimen. Sed li ne povis decidiĝi kaj ĉiam revenis, por serĉi sian kunulinon.

‚Metu ŝin foje tien ĉi', diris Karl, ‚li poste certe plialproksimiĝos.' Kaj vere la anaso venis, ne atentante la danĝeron, pelita de sia granda amo al la kunulino, kiun mi estis ĉasmortinta.

Karl pafis. Ŝnuro ŝajnis distranĉita, je kiu la birdo estis pendinta. Mi vidis malsuprenfali nigran ombron en la fragmitaron kaj Pierrot alportis al mi beston.

Mi metis ambaŭ jam malvarmajn birdojn en la saman ĉasistan poŝon kaj — la saman tagon mi reveturis al Paris."

*

Kiu el vi, karaj junaj legantoj, konas alian rakonton de amo inter bestoj aŭ inter bestoj kaj homoj? Surpaperigu kaj sendu ĝin al Erika Linz, Wolfpassing, Post Zeiselmauer, N.-Oe., por ke ni ĝin ankaŭ presigu! Ne timu! Se vi ne scias iun vorton en Esperanto, skribu trankvile la germanan! Aŭ eĉ, se nepre necese, la tutan rakonton en germana lingvo!

---

lokita en proksimeco de la domo; knedado de la pasto, preparo de sekigitaj piroj, pomoj, de sekvinberoj kaj pinio-kernoj, de ĉiuj aliaj delikataj aldonaĵoj. Kia energio necesas, ĝis kiam fine migras la grandaj larĝaj bulkaĵoj en la varmegan fornon por liveri la odorantan frukto-panon sur la kristnaskan festotablon.

Tradicia kutimo, kiu ĉiam ree simpation vekas, estas la nokta pordfrapo (germane Klöpfelnacht) Malriĉaj infanoj paŝas de pordo al pordo, en urboj de gastejo al gastejo kaj ĉie kantas la saman rimaĵon aŭ citas la pramalnovajn versojn. Estas multe da popolpoeziaĵo. Kiu kampulo, montara vilaĝano aŭ modesta laboristo de l' montaro elpensis do tiujn originajn poemojn? Neniu demandas tion, sed de jaro al jaro ili restas senmortaj kaj rondiras en la vilaĝoj. Ili estiĝis sammaniere kiel la konata tra la tuta mondo: „Silenta nokto, sankta nokto", unuafoje ludata de instruisto vilaĝa aŭ kampana muzikisto.

Sed ankaŭ veraj dramoj estas prezentataj: „Sanktaj Josefo kaj Maria serĉantaj gastigejon"; „La paŝtistoj kaj anĝeloj sur

## La kastelurbo Friesach.

Sub la protekto de la ĉefepiskopoj de Salzburg ĝi estiĝis 1124—1130 kaj pligrandiĝis. Konstruita kun klara, antaŭvida rigardo por la ekzistkondiĉoj de urbo — la tuta vigla vojaĝ- kaj vartrafiko devis trapasi ĝiajn pordegojn — la konstruigantoj neniam perdis la noblan senton por la belo.

Defendpova kontraŭ la malfermita valo pro ĝiaj masaj muroj kun la larĝa akvofoso kaj la 17 minacaj defendoturoj, la urbo havis naturan dorsoŝirmon per la montoĉeno, plifortigitan per la potencaj fortikaĵoj de Petersberg.

Malvastaj stratoj, ĉarmaj malaltaj domoj kun rondarkaj pordegoj vaste malfermitaj, multfoje rekonstruita post la detruintaj incendioj, kiuj okazis en la urbo de la 13.—19. jc. Malvaste ili kuniĝas je la fino de Bahnhofstrasse por subite malfermiĝi kaj ebligi la rigardon trans la ĉefplacon. Ĝia puto el 1563, brilanta en ludanta sentoĝojo, ŝajnas nur stari tie, por porti la malgrandan, ravigan bronzaĵon, majstroverkon de germanaj manoj. Kiel malhela muro la arbaro kun la ruino de Rot-turo donas al la ĉefplaco la fundon. Krome oni vidas la subitan deklivon de Petersberg kaj la malgrandan antikvan preĝejeton super la rokonazo, dokumente menciitan jam en 927. Pli antikva ĝi estas ol Berchfrit en ĝia aŭtokrata fortego kun la belegaj surmuraj pentraĵoj sur la kvara etaĝo de ĝiaj ses etaĝoj, sur Ruperti-kapeleto.

En fiera defendo ĉieleniĝas Geiersburg, retenita de la ruiniĝo kaj tiel ĝisfunde alikonstruita, ke tiu senstileco vere dolorigas. Kaj kontraŭ la sudo la delikata silueto de Virgilienberg-preĝejeto kiel dolĉa plendo.

En la alia fino de la urbo, situata en la verdaĵo de ĝardeno, la simpla konstruaĵo de la hospitalo de Germana Kavalirordeno kun malgranda preĝejo, en kies varma, simpla ejo troviĝas lignaj ŝildetoj kun la nomoj de la mortintoj sur la vandoj kaj argila lumo ĉirkaŭbrilas la malfrugotikajn altarojn. Promenadoj tra la stratetoj kaj preĝejoj de Friesach ĉiam malkovras novon, ĉar Friesach estas unu el niaj plej germanaj juveloj laŭ urbkonstrua vidpunkto. Sed vi tie ankaŭ povas bonege refreŝiĝi kaj trapasi agrablajn horojn de somerĝojo.

---

kampo"; post Kristnasko: „La Sanktaj Tri Reĝoj." — La vortoj ofte estas iom maldelikataj, ne tre modelitaj sed montras korbonecon kaj sincerecon: „La Tri Sanktaj Reĝoj nun venas, ĉiu manĝas kaj trinkas volonte, sed pagi lin ĝenas." Je la fino de ilia ludado iu aktoro diras humorplenajn bondezirojn. Parolas ekzemple la anĝelo jene: „Eniro mia estis tre honora iĝu ĉiu tag' por vi valora. Feliĉajn tagojn, jarojn, ĉiam ĝojon, ŝutu Di' sur vian vojon." Aŭ rilatante al la kampara vivo la anĝelo al la paŝtistoj diras antaŭ ol malaperi: „Dio gardu vin en tiu mond'! Dio gardu bestojn, kampojn en la rond'! Dio vian vivon kronos, la ĉielon rekompence donos."

Multaj tiaj kristnask-ludoj estas konataj en Tirol, diversaj laŭ valoj kaj lokoj kiel la popolkostumoj. En ĉiuj restiĝas parto de vera sudgermana populareco depost jarcentoj. Domaĝe, ke jam multaj perdiĝis. Sebastian Rieder, pseŭdonime „Reimmichl" (=rimanta Mikaelo), tirola sacerdoto-poeto kompilis kristnaskan ludon el multaj de tiuj scenoj malnovaj kaj konservis per tio ilin al la postvivantaro. Kun granda ĝojo la po-

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
Wien I. Neue Burg, Heldenplatz

**Al ĉiuj!**

Nova jaro komenciĝos kaj decas iomete rerigardi kio estis farata en nia lando las-jare kaj ĉu ni ĉiuj, estraro de AEA, grupoj kaj niaj batalantoj en la unuopaj lokoj faris sian devon!

En majo estis en Wien grava konferenco, al kiu interesitoj el tutmondo sendis siajn reprezentantojn aŭ simple aliĝis. Grava ĉi tiu konferenco „Esperanto en la lernejon kaj praktikon" estis por la tuta E-afero, ĉar post mallonga tempo en ĉiuj landoj oni komencos eluzi la konferencon.

Kaj ni ĝoju, ke Wien estis la konferencloko! Ĉiam denove ni atentiĝis la alilandaron, nian registaron kaj dive sajn administrarojn al E.

Nia prezidanto veturis al Univ. Kongreso de E en Stockholm, faris dumvoje Radioparoladojn pri Aŭstrio kaj sukcesis, ricevi la 28. Univ. Kongreson en 1936 al Wien kaj Aŭstrio kaj Antaŭkongresojn por 1935 en Innsbruck kaj Klagenfurt. La Komitato por la 28 jam formiĝis kaj ekfunkciis. Adreso: I. Neue Burg.

La prez. de AEA faris en septembro vojaĝon tra Aŭstrio kaj la sukceso: 3 novaj grupoj.

Niaj Radio-dissendoj interesas la tutan eksterlandon kaj estas de aitkvalita enhavo

Ni faris propagandon pere de Radio por la 27. Univ. Kongreso en Roma kaj informis pri tio Lia ekscelenco Duce Mussolini, la italan ambasadoron en Wien, eksc. Preziosi, kaj la Radiostacion en Roma. La unuan fojon, ke oni faris propagandon por Univ. Kongreso, speciale por alia lando, kaj tio estis el Wien.

La 12. de dec. el Radio-Wien la tuta esperantistaro en Eŭropo aŭskultis la programon, aranĝitan je memoro al la 75. naskiĝtago de nia majstro.

Kaj la organiza afero ankaŭ post longa klopodado marŝis antaŭen!

Post nia raporto mallonga sed urĝa kaj grava peto:

Ĉiu, kiu lernis Esperanton, transprenis ankaŭ gravan taskon: Nepre labori en la intereso de nia afero laŭ la ideoj de Zamenhof!

Laŭ tio ni alvokas ĉiujn samideanojn, kiuj pro iuj kaŭzoj personaj aŭ privataj, aŭ pro laceco ne plu kunlaboris: Ĉu vi ne volas forlasi vian izolan postenon kaj reveni en nian laborcirklon, tiel plenumante vian devon koncerne Esperanton?

Ega emo al kunlaboro, adapto al la organizo, rekono kaj ĝojo pri sukcesoj de aliaj por Esperanto (la persono ne ludas rolon!) kaj la ega deziro al konkordo kaj unueco nin gvidu ĉiujn en 1935 pro la bono de nia movado en Aŭstrio, kiu montras tiom da bonŝancoj. **Ni ĉiuj kune eluzu ilin!**

Feliĉigan novjaron al ĉiuj! Vivu Esp.!

**Kotizoj por 1935.**

Ekde januaro 1935 laŭ decido de ĝeneralkunsido jenaj kotizoj ekvalidos:

S 2.— por ĉiu aŭstria esperantisto kaj
S 1.— por senlaboruloj kaj familianoj. El tiuj sumetoj ricevos UEA-Genève 90 g kaj la resto estos por AEA. Ili estas pagotaj almenaŭ po kvaronjaro antaŭe, do en januaro, aprilo, j lio, oktobro.

La kotizoj estu sendotaj de la grupoj kune per poŝtenpagilo al AEA (sendotaj al vi ĝustatempe), ne plu al ĉefdel. Bernfeld.

**Ĉiuj grupoj** en Aŭstrio nun estas aliĝintaj al AEA/UEA kaj ni petas ankaŭ ĉiujn izolulojn, ne postrestu kaj aliĝu ankaŭ vi, kiel jam faris aro inter vi. Nur tiam, se ĉiuj — kio estas memkomprenebla afero — estos membroj de la organizo, tiam ni havos la grandan bonŝancon montri en 1936 al la kongresantoj nian aŭstrian movadon!

Kie estas la nekonata esperantisto?

Spite sian modestecon en la intereso de nia afero li aliĝu, kunlaboru, plenumu la devon de ĉiu esperantisto: Kunvarbi por E!

En tiu ĉi rilato ni salutas la 3 nove fonditajn grupojn de AEA: Amstetten, Knittelfeld kaj Wels kaj esperas, ke sub lerta gvidado de la elektitaj estraroj ili amike kaj bone kunhelpos.

Koncerne „Aŭstria Esperantisto" la abono estas afero de la unuapaj esperantistoj, sed en la intereso de nia movado ni atentigas ĉiujn, ke nepre necesas, ke ĉiu abonu ĝin.

---

polo akceptis la ludaĵon, kaj oni ofte povas vidi ĝin sur scenejo je Kristnasko.

Tiel la „Sankta Vespero" alproksimiĝas malrapide, la antaŭvespero de la plej sankta kristnaska festotago. Estas la unua „trafumnokto". Tiam la bienposedanto aŭ la plej altranga servisto de bieno ardigas la karbojn sur pato kaj surmetas la incenson, rondiras en la domo kaj staloj benante homojn kaj bestojn, por ke dum la tuta jaro nenia akcidento minacu. La plej juna knabo aŭ servisto sekvas kun la aspergilo akverojn disŝutante kontraŭ diablo kaj aliaj malbonuloj.

Trifoje ripetiĝas ankoraŭ tiu ĉi porpaca iro tra la lokoj de la biendomo; lastfoje vespere antaŭ la tago de la „Sanktaj Tri Reĝoj" (=Epifanio). Tiam surskribas la dommastro sur ĉiujn pordojn en mallerta skribo tri literojn interligite per kruc-signoj kaj la jardato, jene: 19 K + M. + B. 34. (Kaspar, Melchior, Balthasar nomiĝas la Tri Sanktaj Reĝoj.). Ree estas sankta nokto, kiam laŭ malnovaj fabeloj sekretaj fontoj kantas, kaj bestoj homvoĉe ekparolas. La granda paco surteriĝas. Ĉiuj malbonuloj, pigmeoj kaj gigantoj, diabloj kaj sorĉistinoj

AE estas nia oficiala organo, kiu raportos pri ĉiuj niaj aferoj kaj ekde januaro aperos 12-paĝa, el kiuj 4 nur en germana lingvo kun mallonga E-teksto sub la titolo „Die zweite Sprache für Alle“ (kunredaktoro s-ro Ulbrich). La prezo estas S 4.60 pojare, por senlaboruloj S 4.— kaj povas esti pagata de grupanoj kune kvaronjare, ĉiam antaŭe, kaj de unuopaj s-anoj duonjare ankaŭ antaŭe po S 2.35. Do ili pagos pere de la grupoj (krom la kotizo al AEA/UEA) kvaronjare antaŭe S 1.15, senlab. S 1.—. Abono validas ĉiam pojare kaj oni devas malmendi ĝin antaŭ fino de la koncerna abonjaro.

„Zweite Sprache für Alle“ estos nia propagandilo por la esperantigotaj personoj. Ĝi ne manku en lernejoj, ĉe administraroj, en la hoteloj, gastejoj, kafejoj, ĉe razistoj kaj ĉe multaj aliaj personoj, kiuj estu gajnotaj kaj povos helpi al la movado vialoka. La prezo de 11 numeroj 4-paĝaj kun bona, interesa enhavo estos afrankite S 1.— pojare. Mendu tuj antaŭ 5. de januaro por ĉiuj viaj konatoj. Sendu ĉiu unuopa materialon por ambaŭ gazetoj, ili estos publikigataj, se la enhavo taŭgos kaj la amplekso ne estos tro granda.

Plendis kelkfoje grupoj, ke oni ilin ne altiras al kunlaboro. Ni deklaras, ke ni ege ŝatas, se ĉiuj grupoj kunlaboru, donos al ni instigojn ktp., sed ankaŭ plenumos niajn petojn, esprimitajn pere de AE aŭ en urĝaj aferoj pere de cirkuleroj. Ni atentigas vin pri la petoj en n-ro 11 de AE! Ĉu ĉiuj grupoj kaj izoluloj jam respondis kaj ekagis? Ni dankus pro via helpo en la intereso de nia komuna afero! La estraro de AEA

**Al la g upoj!**

Bonvolu en Graz, Innsbruck, Linz, Salzburg kaj Villach viziti la poŝtdirekcion, informiĝi pri la kursoj tie kaj sendi al ni 2 ekzemplerojn de la koncerna „Informo al la subuloj.“ Krome priparolu la komencon de kursoj kaj raportu al ni mallonge.

En aliaj lokoj la grupoj kaj unuopuloj instigu rilate al la citita reskripto la partoprenon en Esperanto-kursoj.

Bv. nepre raporti!

E-Klubo Wien kunvenos de jan. I. Schauflergasse 6, restoracio Tischler.

**Gratulon.**

ai nia s-ano Ludwig Perneg, Eggenberg kiu naskiĝis la saman tagon kaj jaron kiel nia majstro, okaze de lia 75. naskiĝtago.

**Al la Esp.-grupoj en Wien.**

Ni informas vin, ke en la kunveno de 29. nov. estas elektita jena Senat-estraro: Prez. kort.-kons. d-ro W. Heeber, vicprez.-kalk. kons. R. M. Frey, sekr.-inĝ. E. Sinnek.

Ni deziras al vi elkore bondezirojn por 1935 kaj fervoran kaj sukcesan laboron.

Samideane:

Estraro de Senato de Viena E-Unio.

**E-Soc. por Stirio:** Plen- kaj ĉefkunveno la 9. de nov.: La grupa vivo ne plimalvigliĝis Lerneja kons. Schöpfer gvidis en Voitsberg kurson en la lernejo kun finekzameno; sukcesa ekspozicio de dir. Horneck. — Al la iamaj anoj de ALLE-grupo en Graz oni permesis la fondon de grupo. — La iama estraro estis reelektata kaj kompletigata per alelekto de s-ano Laschat.

Komenca rezigno de prezidanto Rogler estas sukcese malebligata per debato, en kiu partoprenis prez. Steiner (AEA), lern. kons. Schöpfer kaj kolonelo Hackl. La kotizoj restas neŝanĝitaj. Prez. Steiner faris longan raporton pri la aktualaj aferoj.

D-ro Biehler

**Knittelfeld.** Nova grupo fondiĝis 30. nov. 16 personoj aliĝis kaj elektis jenan estraron: Prez. Steidl Adolf, Weyerng. 28; vicprez. Pavlik Rudolf; kas. Peissel Josef; sekr. Geier Johann. La plimulto de la membroj abonis AE. Unuopaj lernas nun denove E-on. Kurso baldaŭ gvidota. Steidl, Geier.

Elkore ni gratulas nian novan grupon kaj ĝojas pri la promeso de ega kunlaboro.

**AEA-grupo Wels:** La 20. de nov. okazis la fondkunveno. Prez. Karl Franz, ĉefoficisto, Sparkasse; Mallinger Hubert, sekr.; Moser Ernst, kas. S-ro Wagnleitner estis elektata unua honormembro. Ni kore salutas la novan grupon kaj esperas bonegan sukceson sub la lerta gvidado de ĝia estraro.

La 1 grupvespero havis jenan programon: Himno; La vojo; mallonga festparolado; prelego de la „10 devoj de la esperantisto“; prelego „La aŭtoro de Esp.“; komuna kantado; deklamo de „Antaŭ la finvenko“; hu-

---

devas malaperi sur suprojn de montoj aŭ proksimen en sovaĝejojn kaj rokojn.

Je tio memorigas la procesioj de „berhtoj“, kiuj en kelkaj lokoj bruegante kaj kriante nokte trakuras la stratojn de la vilaĝoj. Maskitaj viroj kaj virinoj kun balailoj kaj ĉenoj. La popolo kredas, ke la malbonaj spiritoj estas forpelotaj per tiuj ĉi sovaĝaj laŭtaj tumultoj. (Germane: Gejaid).

Ni revenu al la „Sankta Vespero“. El ĉiuj fenestroj en vilaĝoj kaj urboj radias la lumarbo. La anĝeloj eklumigis la kandelojn; amdonacoj ravigas ĉies koron; unufoje dum-jare ĉiuj homoj devas esti feliĉaj. Sub la plejmulto de la briletantaj abioj kristnaskaj staras la kripo, la plej populara kaj origina simbolo de la kristnaska mistero, la stalo kun infaneto kaj ties patrino kaj sankta Josefo, bovo, azeno, paŝtistoj kaj supre ŝvebantaj. jubelantaj anĝeloj: In dulci jubilo! La eterne sankta kanto de „Krist-Nokto“ eksonas, sekvas en varia serio paŝtistaj kantoj, kiuj jam dum la tuta Advento sin aŭdigis tra la tuta vilaĝo.

Post la hejma festo sonoras la sonoriloj kaj invitas la „suferantojn kaj mizerulojn“

morajo „La ovo de Columbus"; gaja historieto „La bovino"; „Ekkantu fratoj de l' tutmond'".

La 5. de dec. komenciĝis E-kurso.

„**Was ist Esperanto?**", verda varbfolio, donita de „Werbestelle des n.-ö. Waldviertels in Gross-Siegharts". Kvankam ni devas rekoni kaj volonte tion faras, ke la eldonintoj havis la plej bonan volon kaj intencon, helpi la movadon, la varbfolio tamen ne sufiĉe kapablas, plenumi la deziritan taskon. Tial ni denove atentigas ĉiujn bonvolemajn esperantistojn en nia lando, ke la landa organizo estas AEA, Wien I. Neue Burg, al kiu oni sendu la proponon pri presaĵo eldonota, ĉar ne sufiĉe lerte aŭ kun troigoj kaj mankoj eldonitaj presaĵoj malutilos pli multe ol ili povus helpi Tial ni fondis „Propagandfakon" en AEA kaj ni petas jam pro disciplinaj kaŭzoj ne eldoni memstare iujn presaĵojn, ĉar povos okazi malagrablaĵoj ankaŭ por la eldonintoj kaj malutilo por la movado.

## Irma Rogler †.

La 11-an de novembro mortis en sia hejmo en Köflach s-ino Irma Rogler, la edzino de nia multjara grupestro s-ro Wilibald Rogler. La tute neatendite forvokita juna samideanino jam kiel fianĉino aktive partoprenis la grupla boron kiel kasisto; kiam la stiriaj infanoj, invititaj de hispanaj samideanoj, en 1920 vojaĝis Hispanujon, s-ino Rogler kun sia edzo kondukis unu el la infantransportoj ĝis Barcelono. Fidela edzino, bonega patrino de tri ĉarmaj geinfanoj, simpatia esperantistino, ŝi postlasis en doloro ne nur sian familion, sed ankaŭ nian societon, kiu gardos al ŝi afablan kaj dankeman memoron.

Esperanto-Societo por Stirio, Graz

Kortuŝite ni funebras kun nia senlaca pioniro Wilibald Rogler kaj ties familio pro la foriro de la samideanino Irma Rogler. Sinceran kaj elkoran kunsentou al la familion!

IEMW, AEA, AE: Steiner

„**Mitteilungen des Lehrerhaus-Vereines in Wien**" publikigis en sia numero de novembro artikolon „Esperanto und die Lehrerschaft" de reg. kons. Steiner kaj samtempe klarigan noteton pri la noteto „Glöckel und das Esperanto" en sia oktobra numero. La estro de la Asocio promesis subteni Esperanton en la rondoj de la membraro kaj fakte tuj publikigis la menciitan artikolon.

**Konatiĝu kun mi!**

Literatura Mondo en 44 paĝa ilustrita, bela kajero prezentas al la esperantistoj informojn pri siaj eldonaĵoj kun skiza enhavo. La titolo „Konatiĝu kun mi!" vere taŭgas kaj ĉiuj sekvu la inviton almenaŭ okaze de la tago de l' libro, la 15. de decembro.

**Korespondafako.**

Hengvi Homg, 245 Ryukori Ryusenmen, Kogen, Kannan, Korea, Asien; Ŝ. fotojn, gaz.

Moto: Avantaĝa en alta grado
Estas ĉiam: la ĉokolado!

**„Ni konsumu ĉokoladon!"**

De Franz Vasta.

Ĉokolado, ne forgesu,
Ĝi ne estas nur frandaĵ'
Por infanoj kaj fraŭlinoj,
Sed kontraŭe: Di-nutraĵ'

Oficist' en la kontoro,
Skribmaŝina fraŭlinet'
Kun prefero ĉokoladon
Manĝu vi dum la paŭzet'!

Kiam en la altmontaro
Vi laciĝis dum grimpad'
Novajn fortojn Vi akiros
Post konsum' de ĉokolad'.

La junul' al rendevuo
Kuras jam kun am-inklin'
Ĉokolad-bonbonojn portas
En saket' por amatin'.

Unu tas' da ĉokolado
Tre bongustas dum babil'
De l' inaro kunveninta,
Kaj fariĝas freŝigil'.

Ni resumu: ĉokolado
Estas ben' por la homar'
Ni konsumu ĝin kaj ŝatu
Pro riĉega la ecar'!

en la preĝejon al la mez-nokta meso (lat.: missa in nocte, germ.: Mette). Malvolonte nur restas hejme la maljunaj homoj kaj gekadukuloj, kiuj ne kapablas iri aŭ devas resti por gardi la domon.

De la tago, kiam oni distranĉis la fruktokukon, ĝis la mielkuko-tago (28-an de dec., la tago de „Senkulpaj Infanoj"), kaj ĝis post la tago de „Tri Sanktaj Reĝoj" estas multaj valoraj kutimoj rilatante kultur- aŭ arthistorion, kiuj disbranĉiĝas ĉirkaŭ Kristnasko. Senatente multaj preterpasas tiujn ĉi fontojn senfine riĉajn je rilatoj inter eklezia vivo, popola artsento kaj profana vegitado.

La pac-amanto, la artfavoranto, scienculo kaj historiisto, ĉiuj povus ĉerpi sennombrajn stimulojn, sperti multe da novaj impresoj aŭ povus pli intime konatiĝi kun la popola animo — ĝuante la kristnaskan forpermeson en Tirol.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.